| titolo | Esperanto en Azio n-ro 54 |
|---|---|

**Esperanto en Azio n-ro 54**

**Bulteno de KAEM (Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

Septembro 2006

Ne Parolu sen Mencio de Nepalo

Finiĝis la 91a UK en Florenco. Kaj mi informos vin pri tre bona novaĵo: Nepala Esperanto-Asocio estis aprobita kiel la landa asocio de UEA. Nun en Azio estas ok landaj asocioj aliĝintaj al UEA, nome Barato, Ĉinio, Irano, Japanio, Koreio, Nepalo, Pakistano kaj Vjetnamio. KAEM konsistas el reprezentantoj de tiuj landoj, do de nun la komisionanoj okope movados.

Jam de 1996 Nepalo okazigas Internacian Himalajan Renkontiĝon (IHR) ĉiun duan jaron kaj la lastan jaron la 4an Azian Kongreson. En la venonta februaro ĝi okazigos la 7an IHR unu jaron pli frue ol la antaŭa plano. Kaj nun ĝia ĝenerala sekretario Bharat Ghimire strebas en Filipinoj por starigi Esperanto-movadon tie. De la komenco de aŭgusto li renkontadas geprofesorojn en universitatoj, okazigas kursojn, malfermis esperantistan retejon kaj eĉ celas fondi Filipinan Esperanto-Asocion. Nun sen mencio de Nepalo oni ne povas paroli pri Esperanto-movado en Azio. Nature en ĉi-numero abundas novaĵoj pri Nepalo. (Redaktoro de "Esperanto en Azio" HORI Yasuo)

**Nepala Esperanto-Asocio sukcese aliĝis al UEA**

Mukunda Pathik <mpathik@vianet.com.np>

Prezidanto de Nepala Esperanto-Asocio

La estrara kunsido de Nepala Esperanto-Asocio donis rajton al mi kiel prezidanto de NEspA por fari necesajn aferojn por aligi NEspA-on al UEA. Dekomence de tiu ĉi tasko mi devis peti konsilojn de diversaj homoj, ĉefe de UEA-anoj. Mi multfoje skribis al s-ro Renato Corsetti, prezidanto de UEA. Li montris al mi la ĝustan vojon por atingi la celon.

Kiam mi sukcesis atingi Florencon, Italio, nome de NEspA, mi denove devis skribi petleteron al UEA. Laŭ la regularo de UEA mi faris ĉiujn aferojn dum la UK. Gravuloj de UEA jam komencis doni gratulon al mi. Tamen mi diris, ke mi atendas tiun momenton, kiam UEA oficiale anoncos aliĝon de NEspA.

Dum la komitata kunsido de UEA, mi havis ŝancon prelegi pri Esperanto-movado en Nepalo. Ĉiuj komitatanoj atente aŭskultis mian prelegon kaj demandis pri diversaj aferoj pri Nepalo. Finfine, ili uzis sian voĉdonrajton kaj NEspA elektiĝis kiel formala membro de UEA. Kun granda ĝojo mi dankis ĉiujn ĉeestantojn kaj kun granda aplaŭdo ili gratulis min. Tiun ĉi momenton, mi ĝojploris en la koro. Mi sukcesis fari grandan taskon, kiun NEspA donis al mi.

Nun, unue mi dankas nepalajn esperantistojn kaj ĉiujn esperantistojn en Azio. Samtempe, mi esprimas mian sinceran dankon al KAEM-anoj pro ilia helpo. Mi aparte volas danki s-ron HORI Yasuo, kiu ĉiam kuraĝigis nin por nia movado. En historio de NEspA, tiu ĉi jaro estas tre grava kaj memorinda. Mi kore salutas al ĉiuj kaj sendas varman saluton de Nepalo.

**Japanio: "Esperanto-Japana Vortaro" eldonita**

La 27an de junio eldoniĝis de Japana Esperanto-Instituto (JEI) "Esperanto-Japana Vortaro", je 18cm x 13cm, kun 1352 paĝoj, el kiuj 1284 paĝoj por la pura A-Z-parto. La 10-kapa Redakta Komisiono, kun Konisi Gaku kiel la ĉefo kaj Gotoo Hitosi kiel la vicĉefo, komencis labori en 1990, kaj necesis longa tempo ĝis la eldono.

La vortaro, celita kiel "altnivela vortaro por lernantoj", enhavas 43814 kapvortojn, el ili 17633 estas la ĉefaj kapvortoj (kiel ĉe PIV). Kun pli ol 38000 ekzemploj, ĉiuj kun la japana traduko, ĝi defias la vortarojn de aliaj 'fremdaj lingvoj' en Japanio. Novaj nocioj, kiel TTT, blogo estas kapvortigitaj. El la kapvortoj, 2400 vortoj estis elektitaj kiel gravaj, kaj ĝuas detalan klarigon.

Kiel aldonaĵo, listo de mallongigoj kaj de landonomoj aperas vortar-stile, kaj ankaŭ malgranda kompendio pri nia gramatiko troviĝas. Ĝi vendiĝas je 6000 enoj. La eldonkvanto estas 3000, duoblo de la membraro de JEI. (ISBN4-88887-044-6)

1000 ekzempleroj ekspeditaj

"Esperanto-Japana Vortaro" de Japana Esperanto-Instituto feliĉe estas bonvenigita, kaj en la daŭro de du monatoj, pli ol 1000 ekzempleroj estis ekspeditaj. La tipaj reagoj estis jenaj: "Ni havas vortaron kun multaj uz-ekzemploj kaj diversaj gramatikaj klarigoj. Indas legi la tuton.", "Japana esperantujo liveris vortaron kompareblan al la ofte troveblaj specoj de 'angla-japana vortaro'.", "La litertipoj estas sufiĉe grandaj kaj estas bone por plenkreskulaj okuloj." SIBAYAMA Zyun'iti sibazyun@nifty.com

**Vjetnamio: Celebro de la 100-a datreveno de la naskiĝtago de Lucien Peraire**

Dimanĉe la 23an de aprilo 2006, ĉe Nguyen Van To Kulturdomo, Hanojo, okazis kunveno de hanojaj esperantistoj por celebri la 100-an datrevenon de la naskiĝtago de Lucien Peraire (la 26an de aprilo 1906).

Estas konate de la monda esperantistaro, ke tiu franca esperantisto en la jaroj 1928-1932 faris transkontinentan vojaĝon per biciklo de Francio al Azio tra la tiama Sovetunio, vizitante Japanion, Ĉinion (eĉ Tajvanon), Hindoĉinion kaj Singapuron por propagandi Esperanton.

La preleganto, s-ro Hong Hac prezentis la memorindan vojaĝon de Peraire, kun akcento pri lia ĉeesto en Vjetnamio. Li laŭtlegis la du leterojn skribitajn de Peraire al la vjetnama esperantistaro, la unuan en 1972 por subteni nian lukton por nacia sendependeco kaj la duan de la 1a de majo 1975 por gratuli nin pri la venko kaj restarigo de la paco. La du leteroj, kiujn Peraire skribis al vjetnamaj esperantistoj, tekstas jene:

1) El Francio

Mi estas franca maljuna laboristo, 66-jaraĝa, kaj unu el la fondintoj de Franca Kultura Domo.

De 1928 ĝis 1932 j. mi biciklis per Esperanto de Francio ĝis Javao, tra Sovetunio, Japanio, Ĉinio, Hindoĉinio kaj Singapuro. Unue, mi deziras scii, ĉu mia vizitado kaj propagando en Hindoĉinio estis fruktodona. Ĉu oni ankoraŭ memoras pri mi?

Mi povas certigi al vi, ke via batalo nuna kontraŭ imperiismo, multe interesas nin francojn, kaj ke nia laborula klaso estas tutkora kun vi.

Vivu libera Vjetnamio, kuraĝon! Mondaj honestuloj ĉiam subtenas vin. Antaŭajn dankojn kaj korajn salutojn. S-ro Peraire L.A 59., avenue L. Didier Libourne 33, Francio

2) Kun granda kora senpeziĝo, hieraŭ matene mi aŭdis ĉe la radio la liberigon de Ho Chi Minh urbo (Sajgono). Kia ĝojo, kia feliĉo, unue por via tuta heroa popolo, sed ankaŭ por la plimulto de la franca popolo.

Senprokraste mi nepre deziras esprimi al vjetnama popolo pere de via animo, miajn plej korajn gratulojn, bondezirojn kaj esperojn.

Esperinde, ke de nun Paco regos sur via patrujo kaj en la tuta Azio. Mi esprimas ankaŭ ke vi persone ne tro suferis pri tiu militaĉo, same kiel ceteraj viaj amindaj familianoj?

Mia edzino mortis la 20an de Decembro 1974, sed tamen mi ĉiam sanas kaj des pli kuraĝe finas la esperantigon de mia rakonto. Mi esperas legi tute baldaŭ numeron de PACO, pri venkego de pacama Vjetnamio. Denovajn gratulojn kaj kuraĝigojn por starigi unuecigitan Vjetnamion en fekunda kaj feliĉiga paco.

Elkore tute via, Peraire

Lucien ne sciis, ke ne nur ni memoras lin, sed ankaŭ ke dank' al lia propagando, la Esperanto-movado en Vjetnamio de 1932 konas antaŭan puŝon, kaj hodiaŭ ni celebras la centjaran datrevenon de lia naskiĝtago en la Nguyen Van To Kulturdomo, la lulilo de la vjetnama Esperanto-movado dum la jaroj 1930, ne malproksime de la Lernejo Victor Hugo, kie en 1931 li prelegis pri Esperanto antaŭ 1000-homa ĉeestantaro. Kaj li ne scias, ke venontjare en 2007, Hanojo, la unua urbo, kiun li vizitis, veninte Hindoĉinion, gastigos la Internacian Junularan Kongreson (IJK). Nguyen Thu autuno32@yahoo.com

**Ĉinio: Eksperimenta Kurso de Prepara Edukado de Fremdaj Lingvoj por Infanoj**

De la 10a ĝis la 21a de julio 2006, Pekina Esperanto-Asocio funkciigis Eksperimentan kurson de Prepara Edukado de Fremdaj Lingvoj (Esperanto-kurson), kunlaborante kun la Procento-novstartpunkta Edukada kaj Konsultada Centro. Dek infanoj havantaj 4 ĝis 6 jarojn partoprenis en la lernado. F-ino Wang ŜanŜan, parolistino de Ĉina Radio Internacia, funkcias kiel instruistino. La partoprena instruada metodo estis adoptata en tiu ĉi kurso, tial la etoso en la klasĉambro estas ĉiam vigla. Ĉar plejparto de la infanoj jam lernis iom da ĉina fonetika alfabeto kaj la angla lingvo, ili facile enmanigis kelkajn esperatajn vortojn, frazojn, kaj kantojn, kaj kapablis ligi iujn esperantajn vortojn kun la anglaj vortoj. La instruada efiko en la klasĉambro estis granda. Kelkaj familiestroj, kiuj akompanas siajn infanojn al la kurso, esprimis sian intereson pri Esperanto.

La dua kurso estis funkcianta kun la kunlaboro de Ĉangqiao-Elementlernejo de la 28-a de julio ĝis la 10-a de aŭgusto por 15 lernantoj de malaltaj gradoj, precipe sep-jaraj. Sinjorino Guo Min servis kiel la instruistino. La lernantoj tre rapide progresis, ellernante vortojn kaj la uzon de la prefikso "mal". La postkursa raporta prezento estas eĉ pli enhavoriĉa, inkluzive de kantado, skeĉo, diktaĵo ktp. La 19-an de aŭgusto kelkaj lernantoj de tiu ĉi kurso partoprenis en la 25-a Komuna Seminario, en kiu partoprenis ĉinaj, koreaj, kaj rusa esperantistoj. Iliaj familiestroj, kiuj ankaŭ ĉeestis en tiuj ĉi aktivecoj, estis konvinkitaj de la ĉarmo de Esperanto.

Bona komenco estas duono de sukceso. Bocheng Zheng bochengzheng@yahoo.com.cn

Esperanto-salono en Ŝanhajo

Por pli altigi la buŜan kaj orelan kapablojn kaj Esperanto-nivelon de la membroj la 15an de decembro 2005, en la jarkunveno de Ŝanghaja Esperanto-Asocio oni decidis fondi Shanhai-an Esperanto-salonon. La salono estas en Meiqi granda teatro. Pli ol 20 salonanoj inkluzive de vicprezidanto kaj sekretario s-ro Wang Minghao, vicprezidanto Cui Zhijin kaj membroj de la konsilantaro de la Asocio renkontiĝas en la lasta dimanĉo ĉiun monaton, posttagmeze, ekde 1:30. Ĉiuj partoprenantoj estas aktivaj. La salonestro estas s-ro Cai Benrong. Li estas treege kapabla, entuziasma kaj respondeca.

Ji Yingeng: Room 401 No. 78 Lane 879 Huanlin(E) Road 200124 Shanghai, Ĉinio

Novaĵo el Provinco Liaoning: 58 junaj instruistoj diplomitiĝis

La 12-an de junio, Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA) kaj iaoning-provinca Instrua Instituto de Fremdlandaj Lingvoj por Altlernejoj une diplomis 58 lernantojn el la unua Esperanto-kurso de la fremdlandaj ingvaj instruistoj de Liaoning-provincaj altlernejoj. La plejparto de ernantoj estas junaj instruistoj, kiuj estas instruanta diversajn remdlandajn lingvojn en 20 universitatoj aŭ institutoj.

Sukcesis la provinca kongreso

Inter la 5-a kaj 6-a de aŭgusto pli ol 80 esperantistoj el 9 urboj kaj 2 gubernioj partoprenis en la 9-a Liaoning-provinca Kongreso de Esperanto kazinta en Shenyang, ĉefurbo de la provinco, kun la temo "Eduko, Evoluo kaj unlaboro". Aŭskultinte la laboran raporton de la 1-a Kvinjara Laborplano de EA (2001-2005) por la 21-a centjaro farita de s-ino Jiao Xiyang, ĝenerala ekretario de LEA, kaj diskutinte pri ĝi, la kongresanoj opiniis la atingojn aj mankojn menciitajn en la raporto aŭtentikaj, kaj la tutan pripensadon ri la 2-a Kvinjara Laborplano de LEA (2006-2010) praktikebla. Ĉiun eestinton profunde kortuŝis la gratulaj mesaĝoj de UEA kaj KAEM kaj de oganizaĵoj kaj esperantistoj de diversaj landoj.

Dum la kongreso naskiĝis nova 9-persona estraro de LEA. Oni trovis, ke la estraro havis du karakterizojn: alta eduko kaj Ŝtupara aĝo. Alta eduko signifis, ke ĉiu estrarano estis edukita kaj diplomiĝis en universitato.

Ŝtupara aĝo signifis, ke 9 estraranoj averaĝe estis en tri aĝ-etapoj, nome, 3 personoj en 50-60 jaroj, 3 personoj en 40-50 jaroj kaj 3 personoj en 30-40 jaroj. Ĉi tio estas la strategia konsidero de LEA por longa kaj stabile evoluo de la organizaĵo.

Dume la nova estraro kaj la estroj de la Esperanto-organizaĵoj de la du provincoj Heilongjiang kaj Jilin kune diskutis pri la 5-a Kongreso de Esperanto por la nordĉinaj tri provincoj (Liaoning, Heilongjiang kaj Jilin) kaj Interna Mongolio okazonta en 2007. La kongreso finiĝis en la varma parolado de s-ro Liu Zhengkun, prezidanto de LEA.

Por efike disvastigi Esperanton, LEA intence aranĝis la postkongresan ekskurson al la urbo Yingkou, kies Esperanto-movado ĉiam estas tre malforta, distanca de Shenyang je 200 km. La efiko estis evidenta. Atenton kaj demandojn de tieaj loĝantoj kaj turistoj tuj vekis la longaj verdaj banderoloj penditaj sur stangoj en la hotelo kaj ĉe marbordo de la urbo.

Wu Guojiang

Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo CN-113008 Fushun Liaoning Chinio amikeco999@21cn.com ghemelurboj@yahoo.com.cn

Esperanto kaj Konstruado de Socia Harmonio en Chongqing

La 14an de aprilo 2006, Chongqing Esperanto-Asocio kaj la Normala Universitato Fuling de Chongqing kune okazigis Esperanto-kurson. La kursa temo estis "Esperanto kaj Konstruado de Socia Harmonio". Pli ol 200 instruistoj kaj studentoj partoprenis.

Zhao Dezhi (Chongqing Esperanto-Asocio) cqesperantisto@163.com

La 1-a Internacia Festivalo de Esperanto en Zaozhuang de Ĉinio

La 1-a Internacia Festivalo de Esperanto en Zaozhuang de Ĉinio, kunokazigita de Zaozhuang-a Esperanto-Asocio kaj Seula Esperanto-Kulturcentro, okazis dum la 11-a ĝis la 13-a de aŭgusto. Pli ol 80 esperantistoj el Ĉinio, Koreio, Rusio kaj Japanio partoprenis en la festivalo.

En la festivalo okazis prelegoj, instruadoj de ĉina lingvo kaj korea lingvo, interkona vespero, bankedoj por bonvenigo kaj fermo, vizitoj de Zamenhof-statuo, ekspozicio en Zaozhuang-a Universitato kaj kelkaj kompanioj, Tago de Koreio, ĝuado de ĉina manĝaĵo en ĉinaj familioj kaj turismo al hejmloko de Konfuceo.

S-ro Sun Minĝiao prelegis sub la temo "koni pensulon Mozi kaj eniri urbon Zaozhuang" kaj s-ro Lee Jung-kee el Seula Esperanto-kulturcentro prelegis pri instruado de Esperanto en Koreio. S-ro Liu Yªiang, la urbestro de Zaozhuang, partoprenis en la bankedo por bonvenigo, kaj s-ino Zhou Jiehua, estraranino de la urbo Zaozhuang, faris bonvenigajn vortojn en la nomo de urbo-domo. Tri kompanioj monsubtenis la festivalon. La dua festivalo okazos en oktobro de venonta jaro.

Semio, ĝenerala sekretario de LKK de la festivalo semio@163.com

La unuaj kursoj kaj Esperanto-kunveno en Kaoshiung de Tajvano

En la 9a de julio kaj post multaj jaroj la atendita kunveno en Kaoshiung (Gaushon), granda havena urbo en sudo de Tajvano, estis realigita kaj venis homoj el tiu urbo kaj ĉirkaŭe (ĉefe el Ping Tung) por havi kunvenon kaj diskuti pri progresigo de la movado tie. Kunvenis 23 personoj de aĝo 12 ĝis 62, el kiuj 15 estis esperantistoj kaj 8 estis ĉefe gepatroj aŭ familianoj de la esperantistoj.

Nuntempe en Kaohsiung estas du kursoj de Esperanto, kiuj komenciĝis antaŭ semajnoj kun 12 studentoj, ĉefe lernejanoj. La iniciatinto de la kursojn estas f-ino Klementino Lin, kiu antaŭ du monatoj konatiĝis kun Esperanto, kaj tuj kaptis ĝian esencon kaj signifon kaj nun faras kursojn en sia lingva lernejo. Ŝi nun estas tradukanta lernolibron de Esperanto por Tajvananoj kaj decidis divers-kampe agadi por Esperanto. Ŝi jam afiŝis informojn pri Esperanto kaj volas malfermi pliajn kursojn. Cetere, ŝi kaj ŝiaj du Esperanto-lernantinoj estas la tri novaj membroj de UEA, kies membroj en Tajvano estas malpli ol fingroj de unu mano! Kaj ŝi jam aĉetis iujn Esperanto-librojn kaj abonas gazeton "Juna Amiko".

Se vi volas kuraĝigi ŝin, bonvolu sendi gratul-mesaĝojn al ŝi aŭ korespond-petojn al ŝiaj lernantoj kaj ankaŭ iujn ajn Esperantajn librojn por ŝia malgranda Esperanto-biblioteko en la lernejo. Ŝia retadreso: clement_studio@yahoo.com

Reza Kheirkha Rezamenhof@yahoo.com

**Tajlando: Antaŭ vi estas nova provo praktikigi Esperanton**

Ni je MondEtur ne-profita Esperanto-kompanio por zorgado kaj servado kunligas turismon kun komercaj servoj aldonante al ĉio ion novan: zorgon pri malsanaj kaj maljunaj homoj fare de profesie eduk(a)itaj gevartistoj, sporton kaj kulturon - organizante por la homoj inkluditaj en tiuj kampoj de homaktivado diversspecajn prezentadojn, masaĝon - ja ni ĉiuj bezonas tion almenaŭ por forigi lacon kaj korpstreĉojn, lernadon de diversaj scioj.

Ni certas kaj substrekas, ke MondEtur ne ĉesos aktivadi profesie pro lacigo de multaj provoj servi. Bonvolu malfermi www.MondEtur.net kaj vidi, kion ni ofertas. Laŭ viaj interesoj komencu kunlaboron, uzon de niaj komplezoj kaj vi ne estos disravigotaj! Vi povas akiri, kio vin interesas, klakante al la blua(j) vorto(j). Zelimir Pehar-prezidanto zpehar@hotmail.com

Salutoj de Tajlando!

Mi estis aktivulino en Pollando antaŭ dek kelkaj jaroj, kiel junulino. Poste mi ne povis esti aktvulino, sed nun de kelkaj jaroj mi laboras en Bangkoko kaj mi volus organizi ion ajn ĉi tie. Mi laboras en granda vojaĝagentejo. Ni povu organizi asocion por ke ni informu tajlandanojn pri la ideo de Esperanto.

Joanna Zawadka

ASIAN TRAILS LTD. "Blazing new paths in travel"

9th Floor, SG Tower 161/1 Soi Mahadlek Luang 3 Rajdamri Road, Lumpini Pathumwan, Bangkok 10330 Thailand joanna@asiantrails.org http://www.asiantrails.net

**Koreio: Lastatempa Korea Esperanto-Movado**

Eldonado

1. La Lanterno Azia, la oficiala organo de Korea Esperanto-Asocio, eldoniĝis ankaŭ en la jaroj 2005 kaj 2006 ĉiumonate krom julio-aŭgusta numero.

2. La asocio eldonis la biografion de SEOK Ju-myeong kaj SEOK Ju-seon (kompilitan de HONG Seong-jo kaj GIL Gyeong-ja) en la korea lingvo la 14an de majo, kaj la korean version de La Liberpoeto de JEONG Sa-seop, Esperanto-poeto.

3. La asocio eldonis la biografion de BAIK Nam-gyu (kompilitan de CHOE Eun-suk) kun Kurso de Esperanto verkita de BAIK Nam-gyu 100-foje en ĵurnalo Dong-a en 1931 la 13an de majo 2006.

4. Redaktoroj de Korea Esperanto-Asocio aktivantaj kaj eksaj kune tradukis en la korean "La homo, kiu defiis babelon" kaj ĝin eldonis Hankook-Universitato pri Fremdaj Studoj la 10an de oktobro 2005.

Organizado

1. La asocio organizis la 37an Korean Kongreson de Esperanto en Seulo la 8an-la 9an de oktobro 2005 kun 181 partoprenantoj inkluzive 22 nekoreajn. La 38a Korea Kongreso de Esperanto okazos en Pohang la 14an-la 15an de oktobro 2006.

2. La asocio organizis Vintran kaj Someran Tutlandajn Renkontiĝojn en januaro kaj en julio kun partoprenantoj pli malpli ol ĉirkaŭ 50 por membra solidareco, lernado, fakaj agadoj ktp.

3. La asocio ceremoniis la 7an Tagon de Pioniroj kaj rememoris ges-rojn SEOK Ju-myeong kaj SEOK Ju-seon kun la partopreno de iliaj familianoj, kaj festis la eldonon de la korea versio de "La Liberpoeto" de Esperanto-poeto JEONG Sa-seop en 2005.05.14.

Kursoj kaj Disvastigoj de Esperanto

1. Universitatoj Dankook kaj Wonkwang kaj Hankook Universitato de Fremdaj Studoj daŭrigas malfermi Esperanto-kursojn kiel normalajn lecionojn kaj tie instruas MA Young-tae (en Yongin Hankook Univ.) kaj LEE Jung-kee (en urboj Iksan, Chonan kaj Seulo de tri univ.) . La nombro de la lernantoj entute ofte superas 300.

2. Nam-kang-Esperanto-Lernejoj (fondinto: BAK Hwa-jong; estro: KWAK Jong-hun) kaj Seula Esperanto-Kulturcentro (prez.: LEE Jung-kee) kune organizis Internacian lerno-kunsidon de Esperanto en Cheongdo la 2an -la 3an de aprilo 2005.

3. Seula Esperanto-Kulturcentro ĉiumonate daŭrigas organizi elementan kaj meznivelan kursojn.

4. Esperantista Asocio de ºonbulismo daŭrigas sian aktivadon. Ĝi havis ĝeneralan kunsidon kaj lernokunvenon en universitato Wonkwang la 30an de aprilo-la 1an de majo 2005 kaj organizis fakan kunsidon de ºonbulismo en la 90a UK.

5. Busana Supera Mezlernejo Isabel daŭrigas aktivadon de Esperanto (instruisto: BAK Jun-ho).

6. Incheona Virina Supera Mezlernejo Munil daŭrigas aktivadon de Esperanto (instruisto: HONG Seong-jo).

7. Rondo Ktp daŭrigas sian aktivadon. Ĝi havis internacian renkontiĝon la 30an de aprilo-la 1an de majo 2005 kaj ĝiaj 5 membroj vizitis urbon Kanazawa, Japanio, la 8an-la 11an de aprilo 2005.

Aliaj agadoj

1. La asocio nomumis kiel ambasadorojn de Esperanto-propagandado s-ron KIM Hoon, verkiston kaj romaniston, en junio 2005 kaj s-ron YUN Mu-bu, profesoron pri birdoj kaj s-inon HAN Hye-won, profesian goiston, en junio 2006.

2. Ĉirkaŭ 10 esperantistoj organizis kunsidon de SAT-membroj (reprezentanto: CHOE Man-won) kaj havas kunsidon en ĉiu dua monato. HO Song hosong53@hanmail.net

**Indonezio: Esperantisto ekaperis el la nenio**

Indonezia esperantisto, Yohanes Manhitu loĝanta en Ĝogĝakarto, ekaperis el la nenio. Li verkas poemojn kiel ĉi tiun:

Sub La Vasta Ĉielo

Hodiaŭ, tie kaj tie, sub la vasta ĉielo,
ni havas nur tiujn plastikajn domojn
kaj ni sentas la varmegon de la tago.
La nokto kolorigas niajn ruinojn.

Antaŭ la hejmo mi ekvidas doloron.
La beleco estas evidenta memoro.
Kie ni trovus la veran feliĉon?
En la profundeco de la koro!

Ĝi estis alia leciono kiu venis
en la monato de mia naskotago
por ke ni lernu kiel ĝi nin vizitis
kaj ni vivu je la nomo de la Kreinto.

Yohanes Manhitu ymanhitu@yahoo.com

Lia listo esperanto_indonesia@yahoogroups.com Legu poemojn en: http://www.manhitu-poetry.cjb.net

**Pakistano: 28-a Jara Somera Kongreso de PakEsA**

La 22-an de julio 2006, 28-a Jara Somera Kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio komenciĝis en urbo Murree, Pakistano. Esperantistoj de diversaj urboj atingis la kongresejon en Allama Iqbal Municipal Library de Murree.

Vespere okazis la ĝenerala kunsido de PakEsA. Oni prezentis raportojn pri Esperanto-movado en siaj urboj. Oni diskutis pri laboro de administraj aferoj de PakEsA. Oni diskutis pri partopreno en UK-2006 en Florenco, Italio, kaj ankaŭ diskutis pri UK-2007 en Japanio kaj IJK en Vjetnamio.

En la kunsido de estraro de PakEsA oni diskutis pri diversaj aferoj de PakEsA, ekzemple pri nova lernolibro "Koresponda Kurso de Esperanto", pri Esperanto-movado en Murree, pri Informa Centro de PakEsA kaj pri la rolo de PakEsA en "Monda Socia Forumo-2006 Karaĉio".

Post matenmanĝo la 23an de julio, oni aranĝis pacan marŝadon de Ĝenerala Poŝtoficejo ĝis CMH-Hospitalo. Ĉiuj partoprenis en la marŝado kaj oni disdonis enkondukajn materialojn de Esperanto. Post tagmanĝo, ĉiuj ekskursis al montara kaj turisma urbo Murree.

Dum la kunsidoj de PakEsA, oni faris jenajn decidojn:

1. Oni reestablu "Murree-Esperanto-Klubo (MEK)"-n.

2. Oni reestablu la Informan Centron de PakEsA.

3. Informa Kunveno de Esperanto okazos en Septembro 2006 en Murree.

4. Tria kunsido de la estraro okazos en Lukii Marvat (N. W. F. P. Provinco) la 27an de oktobro 2006.

5. 29-a Jara Kunveno de PakEsA kaj kvara kunsido de estraro de PakEsA okazos en Multan (Punjaba-Provinco)

la 15an-la16an de decembro 2006.

Shabbir Ahmad Sial (Prezidanto de PakEsA)

"Koresponda Kurso de Esperanto"

Esperanto-Internacia Akademio kun la helpo de PakEsA eldonis novan urduan lernolibreton de Esperanto, "Koresponda Kurso de Esperanto" kompilita de mi. Ĝi havas 32 paĝojn kaj ĝi estos donata al ĉiuj novaj lernantoj senpage laŭ la tradicio de PakEsA.

Fakte la libreto konsistas el 12 lecionoj kaj postaj kelkaj lecionoj enhavas ekzercojn, dialogojn kaj leterojn. Celo de la libreto estas instrui Esperanton al novaj, seninstruistaj lernantoj en malpli da tempo. Mi elkore dediĉas ĉi tiun libron al bedaŭrata, estimata Allama Muztar Abbassi, la unua esperantisto en Pakistano kaj fondinto de PakEsA. D-ro Renato Corsetti, en la enkonduko de tiu ĉi libro, skribis la gravecon de Esperanto, precipe en Pakistano rilate al Azio. Li montris la valoron de lingvoj en la bonlumo de la sankta Kuraano kaj plu li references dokumentojn de Unesko kaj UN favorajn al Esperanto.

Mi esperas, ke tiu ĉi libro ludos grandan kaj fortan rolon en progresado de Esperanto-movado en Pakistano. Mi elkore dankas miajn samideanojn pro iliaj helpoj.

Shabbir Ahmad Sial pakesa_prezidanto@yahoo.com

**Filipinoj: Taglibro de Bharat Strebanta Varmege en Manilo**

En aŭgusto KAEM sendis s-ron Bharat Ghimire el Nepalo al Filipinoj kiel instruiston de Esperanto. Li ege laboras por propagandi Esperanton en la lando. Jen estas liaj leteroj al KAEM kaj UEA. La 7an de julio 2006

Mi ricevis vizon de Honkongo kaj tio estas transirvizo. Ĉio estas en ordo kaj mi atingos Filipinojn la 4-an de aŭgusto kaj restos tie du monatojn. Bharat

La 7an de aŭgusto 2006

Mi jam estas en Manilo kaj serĉas lokon por instrui Esperanton. Post longa klopodo mi finfine trovis unu juristinon, kiu laboras en iu projekto kaj estas bone konata en trejnado pri virinaj aferoj. Ŝi nomiĝas Claire kaj mem planas lerni nian lingvon. Laŭ ŝia sugesto mi decidis peti la lokon, kiu nomiĝas Internacia Studenta Centro. Ĝi estas fama loko por diversaj trejnadoj. La prezidanto de tiu centro estas koreo. Ŝajnas, ke li neniam aŭdis pri Esperanto. Do, por konvinki lin, mi devis prepari petleteron (Kiu mi estas? Kio estas mia celo? Kio estas Esperanto? Kial Esperanto estas bezonata ktp.) Kaj mi bezonas ankaŭ anoncmaterialon por ke homoj havu intereson en nia lingvo. Se la propono estos akceptita, mi rajtos anonci en ilia centro kaj ankaŭ instrui tie.

Fakte mi havas grupon en urbo Isabela 10 horojn fora de Manilo per la publika buso, sed mi preferas fari mian kurson en Manilo unue kaj poste tie. Mi petas de s-ro Lee Jung-kee, ke li sendu leteron en la korea lingvo, por ke estos facile por mi konvinki la prezidanton de la centro. Jen lia adreso leecantstop@yahoo.com Bharat el Manilo, Filipinoj

La 8an de aŭgusto

Hodiaŭ mi vizitis Universitaton de Filipinoj. Mi renkontis s-ron Wonil Lee, prezidanto de la studenta unio. Lia respondo estis pozitiva. Morgaŭ mi havos kunsidon kun profesorino de la lingvistika departemento, s-ino Emilita Cruz. Mi esperas, ke ŝi subtenos nin. Morgaŭ mi scios la rezulton. Post la aprobo de la departemento, la studenta unio eklaboros por la anoncado. Ni povos uzi murojn por pendi niajn afiŝojn.

Claire aranĝis la tutan aferon por mi. Jen estas ŝia adreso. Se iu volas skribi kaj kuraĝigi ŝin, sendu mesaĝon angle al claireapl@gmail.com. Bharat

La 10an de aŭgusto

Hodiaŭ mi havis gravan kunsidon kun profesorino de lingvistika departemento d-ino Emilita Cruz kaj la ĉefo de Eŭropaj Lingvoj profesoro Erwin Thaddeus L. Bautista. Ni havis longan babiladon kaj finfine ili konsentis okazigi du-tagan kurson la 23-an kaj la 30-an de aŭgusto. La kurso komenciĝos je la 1-a horo kaj daŭros ĝis la 4-a horo posttagmeze. Mi havos 8 horojn entute kaj la partoprenontoj estos fakultatoj kaj studentoj, kiuj havas intereson pri nia lingvo.

Do, nun mi havas pli da respondeco. Mi devas prepari min multe. Se iu havas sugestojn, bonvolu tuj sendi tiujn al mi. Mi devas bonege prezenti min, ĉar ili estas intelektuloj. Mi estas kontenta nun, sed grandega respondeco estas antaŭ mi. Mi petas, ke s-ro Hori kaj s-ro Corsetti danku ilin je jena adreso:

prof. Erwin Thaddeus L. Bautista erwinb@usa.com

prof-ino. Emilita Cruz chegucruz@yahoo.com Bharat

La 18an de aŭgusto

Mi nun, en urbo Isabela, instruas Esperanton al Jeorden kaj liaj amikoj. Mi pensas, ke mi unue helpos lin, ĉar li faras vortaron. Mi hieraŭ ricevis informon de la universitato, ke jam aliĝis 9 gekursanoj. Mi instruos tie de la 23a ĝis la 30a de aŭgusto, tutan tagon. Mi esperas, ke pli da homoj partoprenos. Kaj post tio mi instruos en alia loko en Manilo. Bharat

*Jeorden estis unusola "esperantisto" en Filipinoj, kiu jam antaŭ du-tri jaroj komencis kompili Esperanto-vortaron.

La 22an de aŭgusto

Mi hieraŭ revenis al Manilo el Isabela. Hodiaŭ mi havas kunsidojn en diversaj lokoj. Mi iros al Manila-Universitato kaj Miriam-Kolegio, kaj tie mi mallonge parolos pri nia lingvo. Poste se ili havas intereson, ili povos lerni per interreto. Tio estas nur propaganda parolado.

Jeorden kaj mi diskutis kaj li konsentis refari la laboron, ĉar estis multaj eraroj en la vortaro. Lerninte nian lingvon, li povos fari pli bone. Mi instruis al li la tutan gramatikon kaj nun ni havas kontakton unu kun la alia preskaŭ ĉiam en portebla telefono SMS. Li sendas mesaĝon nur en Esperanto.

Jeorden kaj mi decidis fari jene antaŭ mia forlaso: Unue ni preparos lernolibron "Esperanto-Tagalogo" kaj publikigos ĝin. Tio helpos Jeorden pli progresi kaj bone koni la lingvon. Mi jam donis al li la laboron kaj li jam eklaboris por tio. Lernolibro estas urĝa afero por propagando, ĉu ne?

Pri la vortaro. Laŭ Jeorden li faris vortaron "Esperanto-'Angla-Tagaloga'" (unua parto) kaj poste vortaron "Angla-'Eesperanto-Tagaloga'". Mi ne vidas utilecon de la dua parto. Por legi la duan parton oni devas scii la anglan bone. Se oni scias la anglan, do ne necesas vortaro en la tagalogo. Mi proponis al li, ke li faru vortaron "Tagaloga-Esperanto".

Mi ankaŭ ne konsentas publikigi la vortaron haste kun eraroj. Ni ne publikigu ĝin nur por publikigi ĝin. Universitato de Filipinoj (UP) havas presejon kaj mi hodiaŭ aŭ morgaŭ povas raporti al vi, kiom kostas por presi la lernolibron. Mi esperas, ke ni povos partoprenigi kelkajn filipinanojn al UK kaj IJK en 2007. La jaro 2007 estu jaro de Filipinoj. Kore, Bharat

La 28an de aŭgusto

Mi finfine decidis okazigi la kunvenon de miaj studentoj kaj fondi la asocion. Ĝi okazos en la lastaj tagoj de mia restado en Filipinoj. Mi nun nur kolektos ilian detalon ekzemple, nomon, adreson ktp. Kiam la dato estos fiksita, tiam mi informos ilin pri tio. Unuan semajnon de septembro, mi planas instrui unu grupeton da juristoj. Mi esperas, ke ili helpos min por krei la statuton. Tiam ni povos registri ĝin en la registara oficejo.

Mi nun nuligas planon vojaĝi al Isabela. Mi jam instruis 8 tagojn tie. Tio estis tuttaga kurso, do laŭ mi tio sufiĉas. Jeorden nun povas skribi en Esperanto. Anstataŭ mia vizito al Isabela, estas pli bone, ke Jeorden mem venu al Manila. Tiam ni povos diskuti pri la lernolibro antaŭ ol ni publikigos ĝin. En Manilo estas multekoste samkiel en Hongkongo. Mi nun loĝas en apartamento, sed mi decidis nuligi ĝin, ĉar ĝi estas tro multekosta por mi. Mi translokiĝos aliloken kaj vivos tie. Restas ankoraŭ unu monato por mi. Mi multe timas, ke mia mono ne sufiĉos. Post Filipinoj mi havos prelegon pri Esperanto en Hongkongo en la klubo de nepala komunumo la 29an de septembro. Kaj alia grava afero estas kongresejo. Mi petis de UP la saman halon, sed tio kostas multe. Do mi ne faros tion. Mi havas unu kontakton kaj ili diris, ke se mi aĉetas manĝetojn kaj trinkaĵojn kontraŭ 120 usonaj dolaroj, ili donos al mi senpage halon.

Jen estas miaj proponoj.

1. Lui la  halon kaj kunvenigi ĉiujn gelernatojn por fondi la asocion.

2. Partoprenigi Jeorden en la saman programon.

3. Prepari statuton kaj registri ĝin al la registaro.

4. Aperigi lernolibron.

5. Helpi novan asocion iamaniere.

Kore, Bharat

La 29an de aŭgusto

Hieraŭ mi prelegis en la Ateneo De Manila Universitato. Partoprenis 9 geprofesoroj. La programo estis organizita de Departemento de la Modernaj Lingvoj. Profesoro Renans Prado, al kiu vi skribis leteron, estis organizanto de la programo. Mi prelegis dum unu horo kaj poste oni demandis diversajn demandojn. Ili havis miskomprenon pri nia lingvo. Ili pensis, ke Esperanto estas ne-akceptita lingvo. Ĝi ne havas multe da parolantoj. Per ĝi oni ne povas komuniki perfekte, ĉar ĝi estas kreita de unu homo ktp.

Post mia klarigo ili konsentis, ke ni bezonas lingvon kiel Esperanton. Sed Profesoro Prado ankoraŭ dubis kaj demandis al mi, ke se ĝi estas bona kaj utila lingvo, kial ĝi ne floris en Filipinoj. Antaŭ la fino de mia parolado, mi montris kelkajn frazojn kaj klarigis, kiel facila estas Esperanto.

Mi esperas, ke ili lernos la lingvon. Eĉ se ne, mi almenaŭ sukcesis okazigi la seminarion en la fama universitato. Iun tagon ili certe lernos. Oftaj demandoj de Filipinanoj:

1. Ĉu oni povas studi ĝis doktoriga kurso per Esperanto? Ĉu estas universitatoj, kie oni instruas Esperanton?

2. Kiamaniere oni povas uzi tiun ĉi lingvon?

3. Kiom da homoj parolas Esperanton? En kiuj landoj?

4. Se ĝi ne estas religio aŭ io simila kaj se ĝi estas bona lingvo kaj uzata tiom vaste, kial mi bezonas propagandi?

5. Kial ĝi ne floris en Filipinoj ĝis nun?

6. Kial ni ne instruas al infanoj? Ĉu estas denaskaj parolantoj?

Kiam mi respondos, jenaj estas utilaj:

1. Pasporta Servo

2. Kultura interŝanĝo

3. Amikeco/ frateco

4. Sendependeco

5. Neŭtraleco kaj facileco

Mi opinias, ke Pasporta Servo devas esti bone funkcianta. Tio multe helpas por propagando. Kaj ni devas pensi pri la fondo de universitato. Tio fakte necesas. UEA devas pensi serioze pri tio. Kore, Bharat

La 30an de aŭgusto

Koran dankon pro via subteno. Jes, mi konsentas kun vi kaj s-ro Lee Jung-kee. Mi raportos financajn aferojn ĝustmaniere. Ni uzas monon donacitan de bonkoraj sed neriĉaj esperantistoj, ankaŭ tion mi bone komprenas. Mia celo estas sukcesigi la laboron kun malgranda elspezo. Post mia laboro ĉi tie ni vidu la rezulton. Analizu ĝin diversmaniere kaj tio helpos poste antaŭeniri. Ni havas aliajn multajn landojn, kiujn nia lingvo ĝis nun ne atingis. Post Filipinoj ni planu por Kamboĝo, Laoso kaj Mjanmaro. Semi en tiuj landoj, en kiuj tute ne ekzistas organizo, ne estas facila tasko. Ĉu ni ne planu ĝin post la Azia Kongreso?

Grandega parto de la laboro ankoraŭ restas antaŭ ni. Nia celo estas ne nur propagandi, sed fondi la asocion, kiu poste mem laboros por disvastigo. Kore, Bharat

La 31an de aŭgusto

Kurso de UP finiĝis hieraŭ. Ĝi estis 12-hora kurso kaj partoprenis multe da nombro de gestudentoj sed nur 17 gelernantoj ricevis la atestilon. La universitato ne donis atestilon al tiuj, kiuj ne partoprenis la tutan kurson.

La atestilo estis subskribita de la dekano de la universitato d-ro Virgilio S. Almario, la sekretario de la universitato prof. Teodoro M. Maranan kaj mi. La gelernantoj progresis multege, ĉar por ili Esperanto estas facila lingvo. 60% de la vortoj en la tagaloga devenas de la hispana lingvo. Profesoro Teodoro mem lernis la lingvon serioze. Nun li povas iomete paroli. Mi petas de s-ro Renato Corsetti krei unu grupon en Yahoo por filipinanoj.

Hodiaŭ mi vizitis Universitaton de Santo Thamaso, alian plej grandan kaj malnovan universitaton en Filipinoj. Tie mi formale petis pri la kurso. Profesorino Ann Marai Gloria S. Ward, la direktorino de la universitato, akceptis mian petleteron. Ŝi diskutos kun la dekano de la universitato. Ŝi estis pozitiva, do mi esperas, ke alia kurso okazos tie. Mi petas, ke s-ro Hori skribu plu al ŝi. Jen estas ŝia retadreso amgsward@yahoo.com kaj alia  asward@mnl.ust.edu.ph. Kore, Bharat

La 1an de Septembro

Karaj Filipinaj geamikoj,

Bonvenon al la grupo, kiun ni kreis por faciligi vian kontakton inter vi kaj aliaj mondoj. Mi esperas, ke vi ĉiuj akceptos ĝin kaj daŭre laboros kun la grupo. En la grupo ni diskutu pri la lingvo kaj niaj agadoj. Mi bone scicas, ke vi havos problemon kompreni kaj skribi, ĉar vi ne havas vortaron. Vi povas kopii ĝin. Bonvolu skribi al mi. Jen ests adreso de grupo: filipinaj-esperantistoj@yahoogroups.com Kore, Bharat

La 2an de Septembro

Komenciĝis alia kurso de juristinoj hodiaŭ. Ni havis unu-horan diskutadon pri Esperanto kaj tuj sekvis la instruado. Dank' al Claire: claireapl@gmail.com mi povis organizi la kurson kaj trovis la lokon. Mi petas s-ron Hori skribi al ŝi dankleteron. Kore, Bharat

La 4an de Septembro

Ĉu vi sendis leteron al la profesorino de Universitato de Santo Thamaso. Mi antaŭe sendis leteron al vi kaj informis, ke mi oficiale petis pri instruado en tiu universitato. Bonvolu sendi leteron al ŝi, ĉar ŝi havas iom da dubo pri nia lingvo. Kaj alia peto estas, ĉu eblas sendi almenaŭ 7 Angla-Esperantajn vortarojn al mi. Se jes, jen estas la adreso: Claire Angeline P. Luczon Womenlead 59 Mahabagin St. Teacher's village, Quezon City, Philippines 1101 Kore, Bharat

La 4an de Septembro

Hodiaŭ mi havis gravan kunsidon kun profesoro Teodoro M. Maranan, sekretario de la universitato. Nun li povas iom paroli kaj skribi en Esperanto. Mi diskutis pri Esperanto-movado en la mondo. Ankaŭ estas virina grupo, kiu aktive lernas Esperanton. Ŝajas, ke ili havas intereson labori por nia movado. La dato de la kongreso ne estas decidita, tamen plej verŝajne ĝi okazos la 23an de septembro.

Profesoro Teodoro estas bona en lingvo, kaj li promesis, ke li povas helpi redakti la vortaron kaj la lernolibron. Mi volas, ke ĝi aperu ĝustamaniere. Povas esti, ke li estas estonta prezidanto de Filipina Esperanto-Asocio (FEA). La laboro progresas tagon post tago. Lernolibro kaj vortaro estos publikigitaj sub la nomo de la asocio. Kore, Bharat

La 5an de Septembro

Hieraŭ mi havis kunsidon kun profesoro Teodoro Maranan: tmaranan2001@yahoo.com . Estis li, kiu subtenis nin, pro kio nia kurso estis oficiala en UP. Kaj li promesis al mi, ke li okazigos kurson estonte. Kaj poste mi rakontis pri Esperanto-movado en la mondo. Li konsentis kaj promesis min kunlabori kun ni. Ŝajnas, ke tio estas ege grava afero por la movado en Filipinoj. Li mem aktive partoprenis en la kurso kaj nun povas iom paroli. Li povas bone skribi, ĉar per poŜtelefono ni komunikas nur en Esperanto.

Venontsemajne ni decidos la daton por la kongreso kaj ni kolektu bondezirojn de diversaj organizoj de la mondo por kuraĝigi novajn esperantistojn.

Karaj: mia rolo finiĝos post la fondado de la organizo, kaj tiam la via komenciĝos. Tio ne signifas, ke mi tute ne laboros sed post tiam ĉio devas esti oficiala, do UEA kaj KAEM havu rektan kontakton kun la grupo por pli da progreso. Ni tute ne estu kontentaj kaj feliĉaj ĝis la organizo estos memstara ĉi tie. Kore, Bharat.

La 5an de Septembro

Nun mi instruas al virina grupo. Ili havas grandan intereson pri nia lingvo. Hieraŭ ni iris manĝi post la kurso kaj ne kredeble ni parolis nur Esperante. Ili planas nun la unuan kongreson kaj plej verŝajne ĝi okazos la 23-an de septembro. Ili proponis min, ke unu laboro de la nova organizo estos aperigi lernolibron.

Profesoro Teodoro konsentis foje okazigi Esperantan kurson en UP. Do UP sendube estos la centro por Esperanto-movado en Filipinoj. Kore, Bharat

La 6an de Septembro

Hodiaŭ mi havis apartan kunsidon kun la ĉefoj de Filipina Normala Universitato. La dekanino Dr. Lydia B. Liwaing lydliwanag@yahoo.com kaj prezidanto Prof. Lutgardo "Lutz" B. Barbo president@pnu.edu.ph bonege bonvenigis min kaj ni havis detalan diskutadon pri nia lingvo. Poste ankaŭ mi havis kunsidon kun fakultatoj. Ili akceptis mian proponon kaj mi oficiale havos 15-horan kurson tie. La lasta kurso okazos la 27an de septembro. La universitato disdonas atestilojn al la partoprenantoj en la fina tago. Do tio estas alia grandega sukceso.

Mi petas, ke Renato kaj Hori ambaŭ skribu dankleteron al la prezidanto kaj dekanino de Filipina Normala Universitato. Ankaŭ okazos du-hora seminario venontan lundon je la dua horo en Universitato de Santa Thamoso en Manilo. Mi esperas, ke mi povas fari bonegan prelegon tiam kaj sukcesos allogi homojn al nia lingvo. Mi promesis al ambaŭ universtitatoj, ke mi donacos vortarojn. Kore, Bharat

P.s. Kvankam mi sendis petleterojn al multaj organizoj kaj universitatoj, sed ŝajnas, ke mi ne havas tempon sekvi ilin. Nun ŝajnas, ke mi estas en la lasta parto de mia programo.

La 7an de Septembro

Mi instruas virinan grupon en vespero. Ili estas sep kaj tre inteligentaj. Nun ni parolas nur Esperante. Do ni havos pli kaj pli da geesperantistoj en tiu ĉi lando. Mi ankaŭ planas prelegi en pli kaj pli multe da lokoj, por ke oni sciiu pri nia lingvo. Do estu certe, ke ni bonege sukcesos fondi novan asocion en tiu ĉi lando. Mi hodiaŭ refoje vizitis UP-n kaj helpis al kelkaj. Morgaŭ mi okupiĝos kun profesoro Teodoro. Mi esperas, ke li instruos Esperanton tie kiam li finlernos.

Mi kore dankas vin pro viaj tutkoraj helpoj. Vi ambaŭ ne estas en Filipinoj, sed mi sentas kvazaŭ vi estus ĉiam kun mi. Kore, Bharat

La 11an de Septembro

Hodiaŭ mi vizitis Filipinan Normalan Universitaton. La preparado de la kurso, kiu komenciĝos de la 13-a de septembro, iras glate. Ekde hodiaŭtagmeze ili elprenis anoncon de la anonctabulo, ĉar tro multe da homoj aliĝis kaj ne havas sufiĉe da spaco. Entute 34 homoj registris sian nomon, sed ni havas nur 25 seĝojn. Multaj profesoroj petis liberan tagon de la dekanino por ke ili partoprenu la kurson. "Mi volas sperti, kia estas la nova lingvo," diris al mi profesorino de la filipina lingvo.

Mi parolis pri la estonta kongreso kun dekanino d-ino Lydia B. Liwaing. Ŝi estis pozitiva pri tiu afero. Ŝajnas, ke ni okazigos nian kongreson en la sama universitato. Tio estas preskaŭ certa. Mi montris lernolibron faritan de Jeorden, kiun mi antaŭ kelkaj horoj presis. Ŝi tralegis kelkajn paĝojn kaj trovis multe da eraroj en ĝi. Ŝi prenis ĝin por la korektado. Ankaŭ prof. Teodoro laboras por la sama lernolibro.

La planita seminario de UST (Santo Thomaso Universitato) estas prokrastita pro la manko de la aprobo de dekano de la universitato. Laŭ la direktorino de la trejndepartemento la dekano revenos ĉi-semajne kaj ŝi bezonos unu semajnon por la preparado precize por la anoncoj. Kore, Bharat

La 12an de Septembro

Kaj la grava afero estas, ke mi ne povis decidi pri la lernolibro. Jeordan faris bonegan laboron, sed laŭ mi ĝi ne estas en ordo. Ĉu iu povas helpi lin por ordigi ĝin? Mi mem tute ne havas tempon kaj ankaŭ mi ne povas decidi, kiu parto estu kie. Verŝajne la plej bona afero estas sekvi la indikojn de la profesoro kaj korekti la lernolibron laŭ ili. Amike, Bharat

La 13an de Septembro

Mi havas ĝojigan kaj malĝojigan novaĵojn por vi hodiaŭ. La kurso okazis laŭ la plano en PNU (Filipina Normala Universitato) sed partoprenis nur 16 homoj. La nombro ne estis tiom, kiom mi esperis. Antaŭhieraŭ 34 homoj registris sian nomon, sed venis nur 16. La kialo estas subita tempoŝanĝo. Ŝajnas, ke multaj nuligis la partoprenon pro tio aŭ ili ne estis bone informitaj.

Ĉiuj partoprenantoj estis geprofesoroj de la sama universitato. Ni esperu, ke almenaŭ 10 el ili finsidos en mia kurso. La kurso komenciĝis post la prelego de la dekanino d-ino Lydia Liwanag. Ŝi mem partoprenis en la tuta hodiaŭa kurso. Mi instruis kvar horojn hodiaŭ. La kongreso okazos en la sama universitato kaj ni esperu, ke aliaj gestudentoj akceptos ĝin. Ankaŭ d-ino Liwanag estas preta redakti la vortaron, ĉar vi jam scias, ke Jeorden nepre bezonas helpon eĉ en la tagaloga parto.

Ni fondos la novan organizon la 23-an, sed mi multe timas, ke ne multaj homoj partoprenos en ĝi en tiu tago. Nun mi multe interŜanĝas mesaĝojn per poŜtelefono kaj instruas Esperanton per tiu metodo. Almenaŭ 10 homoj estas en kontakto kun mi.    Kore, Bharat

La 15an de Septembro

Universitato de Santo Thamaso oficiale akceptis mian proponon. Do, okazos kurso tie. Ĝi estos du tut-tagaj kursoj. Hodiaŭ mi vizitis la universitaton kaj vidis anoncojn en anonctabuloj. UST estas unu el la plej malnovaj universitatoj en la tuta Azio. Mi ne scias kiom da partoprenontoj estos, sed ĝi estas oficiala kurso de la universitato. Mi jam pasigis unu monaton luktante kun la oficistoj. Ĝi estas la tria universitato en Filipinoj, kiu akceptis Esperanton oficiale.   Kore, Bharat

La 16an de Septembro

Nun la anonctabuloj de tiu ĉi grandega universitato estas Esperantigitaj. Tio estas ĝojiga afero. Ni vidu kiom da homoj partoprenos. Mi kolektos ĉiujn anoncojn de la universitatoj kaj sendos tiujn al UEA por oficiala rekordo.

Mi volas aperigi senerarajn lernolibron kaj vortaron en Filipinoj. Tial mi laboras kun profesoroj. Esperantaj lernantoj kutime estas intelektuloj. Kaj se ili trovos multajn erarojn, tio estos malutila por la movado. Do ni devas labori bonege, eĉ se la eldonoj estos malfruaj.   Kore, Bharat

La 19an de Septembro

Hodiaŭ okazis kurso de Esperanto en UST (universitato Santo Thamoso). Partoprenis 11 geprofesoroj kaj 3 studentoj. La kurso daŭros dum tri tagoj (entute 15 horoj). Laŭ la antaŭa plano, ĝi estis nur dutaga kurso, sed ili ekhavis multe da intereso pri nia lingvo kaj petis min plu da instruado.

En la fino la universitato disdonos atestilojn. Anoncoj kaj lerno-materialoj estis faritaj de la universitato mem. (Mi nur iris kaj instruis.)

Ni devas danki Profesorinon Ann Ward. Ŝi ege timis okazigi kurson de Esperanto, ĉar Ŝi pensis, ke ĝi povus esti kontraŭ kristana religio. Mi devis konvenki Ŝin multe. Kore, Bharat

La 20an de Septembro

Ĉi-semajne mi fakte estis terure okupita. Mi instruis ekde la 9-a horo matane ĝis la 8-a horo vespere. Mi utiligas mian tempon laŭeble multe ĉi tie. Kore, Bharat

**Aperis Verda Stelo sur la mapo de Filipinoj!**

La 23an de Septembro

Hodiaŭ okazis la unua Filipina Esperanto-Kongreso en Filipina Normala Universitato, Manilo. Partoprenis 22 reprezentantoj el diversaj universitatoj kaj organizoj. Ili fondis novan asocion "Esperanto Asocio por Filipinoj" kaj elektis sian 7-membran estraron. Ĝis hodiaŭ la nova asocio havas 36 membrojn. Jen estas nove elektitaj estraranoj de EAF.

Prezidanto: D-ino Lydia Liwanag (dekanio de Filipina Normala Universitato)  lydliwanag@yahoo.com.ph

Vicprezidanto: S-ro Jeordan Sugue (el urbo Isabela)  virjeo_sep@yahoo.com

Sekretario: S-ino (Atty) Virginia Virag (advokatino)  vbvirag@hotmail.com

Geestraranoj:

D-ro Teddy Maranan (Universitato de Filipinoj) tmaranan2001@yahoo.com

D-ino Nenet  Perena (Universitato de Santo Thamaso) nenetgp@yahoo.com

Prof. Nita Bala (Universitato de Santo Thamaso) nitabala@yahoo.com

D-ro Ban Aalabia

Kasisto: F-ino Bai Cruz (Women Lead)

La programo komenciĝis kun la filipina nacia himno kaj "La Espero". Mesaĝoj de prezidanto de UEA (Renato Corsetti), prezidanto de KAEM (Hori Yasuo) kaj aliaj estis legataj. Laŭ la decido de la nova estraro, sidejo de la nove fondita asocio estos en Filipina Normala Universitato:

Office of the Dean, College of Languages, Linguistics and Literature, Philippine Normal University, Taft Avanue, Manila, Philippines 1000

Mi elkore dankas ĉiujn universitatojn: precipe Universitaton de La Filipinoj, Filipinan Normalan Universitaton kaj Universitaton de Santo Thamaso, ĉar ili okazigis Esperantajn kursojn kaj akceptis min kiel profesoron de la interancia lingvo Esperanto. Dank' al UEA kaj KAEM-anoj.

Dank' al la tuta Esperantistaro. Kore,  Bharat Ghimire

Gratulon kaj koran dankon, Bharat! Kiam ni decidis sendi vin al Filipinoj, ni tute ne estis certa, ke vi tiom sukcesos. Ni miris viajn superhomajn talenton kaj energion. La semon, kiun vi semis en Filipinoj, ni kune vartu ĝis ĝi pompe floros. Dankon, Bharat, pro ĉio, kion vi faris.

**Nepalo: Invito al la 7a Internacia Himalaja Renkontiĝo**

Nepala Esperanto-Asocio ĝojas anonci la 7an Internacian Himalajan Renkontiĝon 2007 por konigi sian landon al alilandaj esperantistoj. Apenaŭ ekzistas iu lando en la mondo, kiu povus rangi samnivele kun Nepalo relate naturan, etnan kaj kulturan diversecon. Partoprenante la renkontiĝon, vi havos ŝancon formi vian propran bildon de la lando kaj samtempe konatiĝi kun nepalaj kaj alilokaj esperantistoj, kiuj partoprenos la samajn programerojn.

Ĉi-foja Internacia Himalaja Renkontiĝo okazos unu jaron pli frue ol la kutimo en 2007 por ne esti en konflikto kun la 5-a Azia Kongreso okazonta en 2008 en Barato.

Laŭtaga Programo

26a feb.: Alveno, bonvenigo kaj enhoteliĝo, interkoniĝo

27a feb.: Vizito al vidindaĵoj de PaŜupati, Baudha kaj Bhaktapuro

28-a feb.: Vizito al vidindaĵoj de Katmando kaj Patano

29-a feb.: Veturo de Katmando ĝis Sjaprubesi (2120 m)

1-a marto: Piedvojaĝo de Sjaprubesi ĝis Gatlang (2238 m)

2-a marto: Piedvojaĝo de Gatlang ĝis Tatopani (2607 m)

3-a marto: Piedvojaĝo de Tatopani ĝis Thuman (2338 m)

4-a marto: Piedvojaĝo de Thuman ĝis Timure (1762 m)

5-a marto: Piedvojaĝo de Timure ĝis Bridim (2229 m)

6-a marto: Piedvojaĝo de Bridim ĝis Sjaprubesi, veturo al Nagarĵun

7-a marto: Veturo de Nagarĵun ĝis  Daman (3210 m)

8-a marto: Veturo de Daman al Katmando kaj libera tempo

9-a marto: Libera tago, internacia vespero

10-a marto: Foriro

Vi pasigos la unuajn kaj lastajn tagojn de la renkontiĝo en Katmando-valo, kie situas ĉefurbo de Nepalo. Ĝian riĉan kulturan pasintecon atestas la tieaj historiaj distriktoj kaj monumentoj kaj temploj en ĝiaj tri plej grandaj urboj Katmando, Bhaktapuro kaj Patano.

La ĉefa parto de la renkontiĝo estos vojaĝo al alia granda valo de Nepalo, Langtang, situanta norde de Katmando je 100 kilometroj. Langtang ĝuste nomiĝas la valo de glaciriveroj. Ĉi tie montoj leviĝas sorante al la ĉielo. Langtang samekiel Katmando situas en tiel nomata meza regiono de la lando, sude kelkdek kilometrojn de Himalaja-Montaro kaj de ĝi vi povos ĝui fabelan panoramon de la montareroj de Ganes Himal, Langtang, Manaslu, Himalĉuli kaj la granda Anapurna.

La programo estas planita por ke ĝi taŭgas al ĉiuj aĝgrupoj. Ĉi-foja itinero estas en preskaŭ virga areo, ne difektita pro tro da turismo.

Kotiztabelo

| | ekde 1-10-2006 | ekde 1-1-2007 |
|---|---|---|
| A-landanoj | 550 usonaj dolaroj | 600 usonaj dolaroj |
| B-landanoj | 500 | 550 |

A: Ĉiuj landoj escepte de tiuj mencitiaj sub B

B: Eks-sovetuniaj landoj, ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Koreio), Afriko kaj Latina Ameriko.

La kotizo estas kalkulita nur por kovri koston por dulita ĉambro, tri manĝoj tage kaj turismo, sed ne por gajni monon. Similaj turismaj servoj kutime kostas ĉirkaŭ 100 usonajn dolarojn tage. Multaj niaj servoj estas volontaj fare de nepalaj esperantistoj. Por pli da informo (aliĝilo, pagmaniero ktp.) kontaktu: Nepala Esperanto-Asocio G.P.O. post box no 8974 cpc102 Kathmandu, Nepal Retadreso  Esperanto@wlink.com.np

**Kazaĥio: Traduko al la kazaĥa lingvo de la unua Zamenhofa lernolibro**

Mi ĝojas informi, ke estas preta la traduko al la kazaĥa lingvo de la unua Zamenhofa lernolibro de internacia lingvo. Ĝi ne estas eldonita. Nur estas presitaj kelkaj ekzempleroj. Vidu ĝin en nia retpaĝo:    http://kaz-esperanto.narod.ru

Vera Matveyeva  verapm@mail.ru

**JEI invitos 20 aktivulojn al la 92a UK**

La 92a UK okazos en Jokohamo, Japanio, la 4an-11an de aŭgusto 2007. La japana esperantistaro arde atendas la partoprenojn de aziajn aktivajn esperantistojn, sed estas grandaj obstakloj antaŭ ili: vizo- kaj financa problemoj por vojaĝi al Japanio. Por solvi la problemojn, Japana Esperanto-Instituto (JEI) decidis inviti 20 esperantistojn el aziaj progresantaj landoj, kovrante la tutan vojaĝkoston de la invititoj. La kondiĉoj estas jenaj:

1. Iliaj aĝoj estu ĝis 50-jaroj.

2. Ili estu aktivaj esperantistoj.

3. Ili havu kapablon sufiĉe bone paroli Esperanton por fari prelegojn dum la kongreso kaj dum la antaŭa aŭ posta enlanda vojaĝo.

5. Ili ricevu atestilon pri la supraj aferoj de la landa asocio aŭ loka asocio (provinca, municipa aŭ gubernia), al kiu ili apartenas.

4. Ili observu la japanan leĝaron.

Kandidatoj unue sendu mesaĝon al la suba adreso ĝis la fino de oktobro. Kaj dume ili preparu la koncernajn dokumentojn kaj atestilon kaj sendu. Poste JEI taksos, ĉu ili estas taŭgaj aŭ ne, kaj informos ilin pri la rezulto en decembro.

Adreso: s-ro NOMURA Tadatuna nomra@helen.ocn.ne.jp     248-1 Sakae-tyoo, Uto-si, Kumamoto-ken, 869-0453, Japanio

**Raportoj pri KAEM-kunsido kaj Azia Agado dum la UK en Florenco**

KAEM-kunsido

Dato:  La 1a de aŭgusto (mardo) 2006

Loko: Salono Azzi

Ĉeestantoj:

KAEM-anoj:

HORI Yasuo (Japanio), Abdul Salam (Barato),Wang Ruixiang (Ĉinio), Park Wha-chong (Koreio, komisiito de LEE Jung-kee) UEA-estrarano: Yu Tao (Ĉinio) KAEM-subkomisionano: Tahira Masako (Japanio)

Landaj reprezentantoj: Giridhar Rao (Barato), Mukunda Pathik (Nepalo)

Observanto: Inumaru Humio (Japanio)

1. Laborplano

Ni havis nur unu horon por diskuti, do ni ne povis diskuti sufiĉe pri diversaj aferoj. Hori raportis simple pri la agado dum la pasinta jaro kaj agadplano por la venontaj kelkaj jaroj.

2. La 5a Azia Kongreo

Dato: la 11a - la 15a de februaro 2008

Kongresejo kaj loĝado:Barata Scienca Instituto (Bangaloro, Barato)

1) Celnombro de laŭlandaj partoprenantoj:

Jene la landaj reprezentantoj montris sian celnombron.

Koreio: 10 partoprenantoj + 20 moralaj partoprenantoj

Japanio: 30+ 20       Ĉinio: 20 +10

Nepalo: 30+0           Barato: 100+0

Jen estas espero kaj propono de Hori:

Vjetnamio: 5+5       Pakistano: 5+5

Aliaj landoj: 20+0

Sumo: 280 (220+60)

2) Enhavo de la kongreso

Ne kopie imitu UK-on. Laŭ la kapablo de la gastiganto kaj KAEM, ni organizu Azian Kongreson.

* Fakaj kunsidoj.

Ĉinio, Japanio, Koreio kaj Barato havu po almenaŭ 5 fakajn kunsidojn.

Ceteraj landoj havu almenaŭ unu fakan kunsidon.

* Internacia vespero.

Ĉinio, Japanio, Koreio kaj Barato po du Aliaj landoj po unu

3) Profita finance

Ŝparu laŭeble. Ne necesas koloraj bultenoj kaj kongresa libro. Ne faru specialan kongresan sakon, se ne estas mondonaco de ekster Esperanta mondo. Klopodu profiti por ke la gastlanda movado pli vigliĝu per la profito.

4. La 6a Azia Kongreso

Koreio (Busano), Ĉinio (Pekino) kaj Vjetnamio (Ho Chi Minh Urbo) havas intencon okazigi la 6an AK. Pri tio ni volas decidi dum la venonta UK en Jokohamo.

**Azia Agado**

Dato:  La 3a de aŭgusto (ĵaŭdo) 2006

Loko: Salono Migliorini

Nombro de ĉeestantoj: ĉirkaŭ 70

Prezidis s-ro Wang Ruixiang. Unue s-ro Yu Tao salutis, reprezentante UEA-on. Due Hori raportis kaj proponis la agadon. Trie landaj reprezentantoj raportis pri sialanda agado. Poste ni ricevis opiniojn kaj rimarkojn. Estis jenaj opinioj:

1) Helpu movadon en Indonezio.

2) KAEM devis helpi kongreson de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio okazinta en Pekino ĉijare.

Hori respondis: Restas du grandaj landoj en Azio, kie preskaŭ ne ekzistas Esperanto-movado, nome Indonezio kaj Filipinoj. Antaŭe Aŭstralio helpis Indonezion, sed nun ĝi ĉesis helpi. KAEM havas kontakton kun esperantistoj en Indonezio kaj daŭre kuraĝigos ilin. Pri Filipinoj KAEM baldaŭ sendos s-ron Bharat Ghimire, nepalanon, al Filipinoj por la instruado de Esperanto.

Pri IFEF, KAEM ne informiĝis pri la kongreso. Ĝi ja estis granda evento okazinta en Azio, sed ĝi okazis ekster KAEM, do ni povis fari nenion. Bedaŭrinde ne estis multaj opinioj kaj rimarkoj.

**Nepalo aliĝis al UEA**

Dum la komitata kunsido de UEA Nepalo estis akceptita kiel la membro de UEA. Aŭtomate ĝi estiĝis la 8a membro de KAEM. Ankaŭ Taĝikio petis la aliĝon, sed pro manko de sufiĉa dokumento ĝi ne estis akceptita.

Hori konkludas:

1. Estas tre bona afero, ke KAEM-kunsido valide okazis kun la partopreno de 4 KAEM-anoj, kvankam Italio estas malproksima de Azio. La komisiito de s-ro Tran Quan Ngoc (Vjetnamio) ne povis ĉeesti pro tio, ke li devis zorgi sin pri sia vizo. Tio estis tre bedaŭrinda afero.

2. Ni havis nur unu horon por la kunsido. Tio estis tro mallonga. En la UK en Jokohamo, ni nepre havu du-horan kunsidon.

---

**fermi**

**Linko :** http://www.kaem.org/html/shownews.php?id=6